# INTERNACIA FERVOJISTO





**ORGANO DE I.F.E.F.**

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

32a jaro Majo-Junio 1980 N-ro 3




La nova estraro de IFEF

# ŜALUTVORTOJ DE S-RO D.S. TUIJMAN
## ministro de trafiko kaj akvostato

Sinjoro prezidanto, estimataj gekongresanoj

Ne ofte mi havis okazon paroli al granda nombro da homoj, devenaj el dek-kvin landoj, pere de unu lingvo, kiun egale komprenas la tuta kunvenintaro.

Inter ne-esperantistoj kutime regas forta skeptiko. Ili ofte simple ne povas kredi, ke io tia estas ebla.

Sed dum momentoj kiaj la nunaj, homo sobre pensanta kaj objektive observanta ne povas ne diri: jes, vere, estas eble! Kaj kun miro li konstatos, ke temas ne nur pri "bonan tagon" kaj "kiel vi fartas", sed ke - por ekzemplo - :

- fervojistaj esperantistoj laboras super ampleksa faka terminaro,

- ke malpli ampleksaj ekzistas jam en pluraj landoj,

- kaj ke kompetentuloj prelegas pri komplikaj fakaj temoj.

Unueco en lingvo-uzo kondukos nin pli proksime al la komuna celo, stimuli la kunlaboron inter la eŭropaj fervojoj. Tiu kunlaboro postulas pli dinamikan agadon ol ĝis nun.

La kunlaboro inter la eŭropaj fervojoj ne multe efektiviĝis. Iniciate de Nederlando oni esploros en la kadro de Komuna Eŭropa Merkato la strukturajn kaŭzojn de la foresto de kunlaboro.

Bedaŭrinde oni ĝis nun ne akceptis la proponojn esplori ĉu unu internacia entrepreno estas ebla por la Eŭropa Inter-urba pasaĝertransporto. Mi estas favora al tio, ĉar se la fervojoj per bona kunlaboro pli bone povos helpi siajn pasaĝerojn, tiam la nombro da pasaĝeroj kreskos.

Sed ĉiuj projektoj por pli bona internacia kunlaboro restos teoriaj, se ne ĉiuj fervojaj kunlaborantoj estas profunde konvinkitaj pri la neceso. Esence por tiu kunlaborado estas bona komunikado kun viaj eksterlandaj kolegoj.

Se vi per Esperanto sukcesas plibonigi ĉi tiun komunikadon, vi reale kontribuas al la internacia kunlaborado.

Nome de la nederlanda registaro mi deziras al vi multan sukceson por tio kaj mi esperas, ke via kongreso estos fruktodona.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Sekretariejo: E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved
Redaktoro:
Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, F-78420 Carriéres/Seine
Bankkonto: Provinsbanken, Konto 7353-350550, DK-9800 Hjørring

# 32a IFEF KONGRESO EN NEDERLANDO

## Protokolo Plenkunsido Estraro/Komitato

Unuaparto 20.5.1980

Mallongigoj:
k-o = komitato, k-ano = komitatano, l.a. = landa asocio, Pr = prezidanto, Vp = vicprezidanto, Sk = sekretari(in)o, Ks = kasisto, Rd = redaktoro, Ĉk = ĉefkomitatano, IF = Internacia Fervojisto.
§ = paragrafo de la statuto.
Por landaj nomoj estas uzitaj la aŭtomobilkodoj.

1. Malfermo, konstato mandatoj

Pr bonvenigis la ĉeestantojn. Laŭ mandatkonstato ĉeestas 17 voĉdonrajtaj k-anoj plus 2 skribaj (Ch + S, Svedio sendis skribajn voĉdonojn nur pri la kongresproponoj).

2. Ricevitaj telegramoj, leteroj

Sk laŭtlegis el telegramoj kaj salutleteroj.

3. Raportoj estraraj

3.1 de la sekretariino, unuanime akceptita per 18 voĉoj.

3.2 de la redaktoro
Labordus plendas pri la diskuto en IF, kiu evoluiĝis en la letero de GG. Kiel neveraĵojn li mencias, ke LKK ne limigis la nombron de la partoprenantoj, la distanco inter la cetera mondo kaj la bangalaro ne estas kelkaj dekoj da kilometroj, ni ankaŭ ne loĝas en kavernoj. Li petas, ke estonte la redaktoro, kiam li ricevas tiajn kontribuaĵojn, tuj petas la kompetentan instancon liveri komentarion, tiel ke ambaŭ povas aperi en la sama numero. Pro la multe pli posta apero de la respondo de W van Leeuwen la nombro de la partoprenantoj negative estis influita. Krome ĉi tie ni vere ne vivas izolitaj, sed kiel vi konstatas, pli forte propagandas inter la multaj kunvilaĝanoj ol eblas en grandurbo. (Aplaŭdo).
Rd defendas la "Libera Tribuno" kiel lokon por personaj opiniesprimoj (kiuj kompreneble ne enhavu personajn atakojn). Ne povas scii, ĉu la opinio esprimita estas ĝusta. Se oni devas sendi tian kontribuaĵon al la kompetenta persono por havi komentarion, verŝajne perdiĝas tro da tempo.
Rd anoncas ĉi-loke, ke li intencas demisii en 1982, ĉar tiam li estos emeritulo kaj estis 8 jarojn redaktoro.
Pr bedaŭras, ke nun baldaŭ denove ni devos serĉi adekvatan bonvolemulon, granda ŝarĝo laŭ la spertoj en la pasinta jaro. Pr principe salutas la diskutojn en IF, kiuj montras la intereson de la membraro en

niaj problemoj. Ĉiu diskutanto konu la cirkonstancojn, pri kiuj li diskutas.

La redaktora raporto estas unuanime akceptita per 18 voĉoj.

3.3 de la kasisto Labordus demandas, ĉu ĉiuj pagis la kotizon? Ks: En la listo pri membrostato estas 3 landoj sen cifero por 79 (GB, CS, J). Intertempe ordiĝis rilate CS kaj J. Akceptita per 18 voĉoj.

4. Protokolo Turku

Akceptita per 18 voĉoj.

La jugoslava k-ano nun ĉeestas.

5. Raporto pri la komitata laboro

Ĉk raportas koncise pri sia agado en la pasinta jaro. Pr dankas lin.

6. Resumo pri raportoj landaj asocioj

Vp laŭtlegas (la lastan fojon li) sian resumon. Ĝi aperos en IF.
Pr dankas al Vp pro lia bonega resuma laboro, kiun li plenumis dum ĉiuj jaroj de sia estraraneco. Fariĝis valoraj dokumentoj por la estonteco. Ĉi-okaze Pr ankaŭ dankas al Sredič pro ties bonega fakprelego en UK Lucerno.
Engen rekomendas sendi tiujn raportojn registrite. Norvegio sendis ilin al Ĉk (kiu ricevis) kaj al Vp (kiu ne ricevis).

Paŭzo

Post la paŭzo Heimlich (D) anstataŭis Rösemann, kiu pro morto en la familio devas hejmen vojaĝi subite.

Estas nun 19 voĉdonrajtaj k-anoj kaj du skribaj.

8. Pr enkondukas la estrarelekton kaj petas la elektokomisionon sub gvidado de Ĉk transpreni la elekton. La estraranoj forlasis la kunvenon.
Elektokomisiono: Huber (A), Gimenez (E), Gulyas (H). Ĉk transdonigas la balotilojn pri la kvin kandidatoj kaj petas, indiki apud la nomoj "jes", "ne" aŭ nenion.
Gimelli rekomendas, kiel unu el la plej malnovaj k-anoj, reelekti la tri ĝisnunajn estraranojn kaj bedaŭras, ke la aliaj du forlasas la estraron. Aparte bonvenigas la du novajn. Ĉk same rekomendas reelekton por danki al la tri kaj elekti la du novajn.
Post nombrado de la voĉoj Ĉk anoncas la rezulton:

por Pr 21 voĉoj (inkl 2 skribaj)
- Vp 20 voĉoj, 1 sindetena
- Sk 21 voĉoj
- Ks 20 voĉoj, 1 sindetena
- Rd 21 voĉoj.

La reelektitaj estraranoj revenas (aplaŭdo). La nova estraro prenas sidlokojn ĉe la tablo.

ĈK transdonas libron pri malnovaj belgaj stacioj al W v Leeuwen kiel dankon pro la bonega komuna laboro (jarkunvenoj B/NL).

Pr denove transprenas la gvidadon de la kunsido kaj direktas adiaŭajn vortojn al la du eksiĝantaj estraranoj, kiuj de 8 jaroj (Vp) kaj de 12 jaroj (Sk) plenumis tiujn gravajn por IFEF oficojn. Pr diris, ke ili donis sian tutan idealismon, ke ili donis "sin mem". Ili konstrue kunlaboris, helpis en bona harmonio trovi vojojn ankaŭ dum komplikaj momentoj por la bonfarto de IFEF. Poste Pr donis superrigardon pri la esperantista vivo de la du demisiintoj kaj transdonis al ambaŭ modestan donacaĵon nome de IFEF.

Poste kiel plej altan rekonon, kiun IFEF povas doni, Pr nomumas la ĝisnunan vicprezidanton Willem Lambertus van Leeuwen kaj la ĝisnunan sekretariinon Elfriede Kruse Honoraj Membroj de IFEF, transdonante al ili la dokumenton kaj oran insignon.

Sekvis dankaj kaj adiaŭaj vortoj flanke de W v Leeuwen kaj Elfriede Kruse.

v Leeuwen substrekis la grandan personan amikecon, kiun li spertis dum tiuj 8 jaroj, amikeco preskaŭ ne imagebla. Li dankis al la kunestraranoj pro tio. Li mencias ankaŭ la ne ĉiam agrablajn eventojn en nia movado dum la lastaj jaroj, kio estus povinte forpreni la kuraĝon. Sed laŭ la pravaj vortoj de d-ro Tonkin ni ne rajtas deflankiĝi. Li petas ĉiujn subteni laŭ tiu senco nian fervojistan movadon kaj deziras al la novaj estraranoj, daŭrigi en la sama amikeca maniero (aplaŭdo).

E. Kruse priskribas unue siajn diversajn oficojn (sekr de GEFA 14 jarojn, de IFEF 12 jarojn). Ŝi identigis sin kun la taskoj, kio estis bona por la movado, sed ofte komplika por ŝi. 4743 leteroj forlasis dum tiu tempo la sekretariejon. Ofte necesis diplomatio kaj diskreteco. Ankaŭ gajnado de membroj estis ŝia tasko. Esperanto donis al ŝia vivo alian direkton. Dankas al ĉiuj pro simpatio kaj petas pardonon pro eraroj. Speciale dankas al la k-anoj, sen kies laboro IFEF ne estus pensebla, kaj al la ĝisnunaj kunestraranoj. Regis inter ni amika etoso por la prospero de IFEF. Estas nun tempo doni la torĉon en pli junajn manojn. Bonvolu vi ĉiuj subteni la novan sekretarion, rekompencu lin per via fido kaj amikeca subtenado. Ni bezonas ideojn por altiri junulojn. Memorigas pri la junulara fonduso. (Aplaŭdo).

Poste Pr bonvenigas la du novajn estraranojn kaj dankas ilin pro ilia preteco por kunlaboro. Li imagas al si same bonan komunan laboron kiel okazis en la malnova estraro. Ankaŭ promesas fari sian plej bonan por la komuna tasko.

Sekvas ankoraŭ konekse al pkt 8 traktado de § 3, ĝen reg, antaŭlasta frazo. Pr petas la k-on konfirmi tiun delegon, kiu jam ekzistis ĝis nun, por la venonta elektoperiodo.
La k-o akceptas unuanime.

Sama traktado pri § 7, al c).

Ankaŭ ĝin konsentas la k-o por la venonta elektoperiodo unuanime.

14.1 Elekto de kongresloko 1981

Pr: Por havi la eblecon doni al vi jam aliĝilojn por la venonta kongreso kaj ankaŭ glumarkojn, ni jam nun traktas tiun punkton de la tagordo. Vi scias, ke Germanio invitis lastjare la 33an kongreson al Regensburg ĉe la Danuba, pitoreska urbo kun favoraj prezoj. Belega kongresejo por ĉiuj programeroj, kie ni ankaŭ povos manĝi je moderaj prezoj. Dato: 15a-21a de majo 1981.
K-o akceptas unuanime.

Protokolis Kruse

Duaparto 21.5.1980

Ĉeestis 18 komitatanoj. 2 aliaj skribe voĉdonis.

Pr voĉlegis salutleteron ĵus venintan el Ĉeĥoslovakio.

7. Raportoj de komisionoj resp komisiitoj

7.1. Sekereŝ: La Terminara Komisiono antaŭvidis 4 kunvenojn dum la kongreso - 1 organiza kaj 3 terminaraj. Restas 3 literoj de la reduktita laborprogramo, sed estas finota antaŭ 31a de dec 1980. - Momente ni laboras laŭ la 2-a eldono de la Lexique Generale, kaj ni strebas al fino de la traduklaboro en 1983. - Dum 2-taga restado en la hungara urbo Györ ni kun bona rezulto traktis la dubajn terminojn.- Kunlaboro kun Fakprelega Komisiono bona, sed admonas pri respekto al reguloj kaj limdatoj.

Pr dankas kaj vidas en nemalproksima estonto rezulton de la terminara laboro.

Raporto akceptita per ĉiuj 18 ĉeestantaj voĉoj.

7.2. G. Thuesen: Fakprelega Komisiono instigas al utiligo de la fakprelego. - Se iu renkontas ian fakan prelegon, sendu la tekston al la komisiono. - Mencias la korektadon far TK.

Sekereŝ respondas, ke la terminara komisiono deziras tralegi la tekstojn nur por ke la eldonaĵoj de IFEF estu lingve senriproĉaj. Sugestas, ke fine de fakprelega teksto troviĝu listo de nove aperintaj terminoj.

Raporto akceptita per ĉiuj 18 ĉeestantaj voĉoj.

7.3. Giessner raportis, ke la Historia Komisiono starigas liston pri disponebla materialo. - Apelacias pri ĉies helpo, ĉar mankas fotaĵoj kaj revuoj de antaŭ 1945. Sendante materialon al HK, nepre aldonu slipon, se oni deziras rehavi ĝin. - Historiaj faktoj pri la landa asocio mankas ankoraŭ de 8 landoj. - Provu fosi plie en la malnovaj tagoj kaj starigu listojn de funkciuloj, se eble kun fotoj.

Raporto akceptita per ĉiuj 18 ĉeestantaj voĉoj.

7.4. Demissy: Al Fervojista Koresponda Servo venis 37 petoj, plej multaj el Francio resp el Ĉeĥoslovakio kaj Sovetunio. Pretas daŭrigi la laboron.

De Sutter rekomendis mencii en la landaj organoj la FKSn.

Raporto akceptita per ĉiuj 18 ĉeestantaj voĉoj.

7.5. Raportas Pr: Pro malsano nia komitatano A de UEA, d-ro Phersy, ne povis ĉeesti la UK en Lucerno. IFEFn reprezentis kol Sredić, kiu faris tre bonan prelegon pri la nova trafikkoncepto de Svisio dum la fervojista kontaktkunveno, kiun gvidis kol Bipp. Ĉeestis 50 fervojistoj el 15 landoj = bona rezulto.

IFEF havas bonajn skribajn kontaktojn kun UEA kaj regule liveras al la UEA-informilo "Interfake" raportojn pri nia laboro.

Raporto akceptita per ĉiuj 18 ĉeestantaj voĉoj.

(Punkto 8: Estrarelekto, estis jam la antaŭan tagon pritraktita).

9.1. Dum UK en Stokholmo, kies temo estas DISKRIMINACIO, la sekretario prelegetos en la fervojista kontaktkunveno.

Nova komitatano A de UEA estas Istvan GULYAS. Elektita per 17 voĉoj por, 1 sindetena.

9.2. Rilatoj inter IFEF kaj FISAIC (Internacia Federacio por Kulturflegantaj Fervojistoj) estas nur skribaj. IFEF ja ne povas esti membro de FISAIC, ĉar ili estas 2 paralelaj internaciaj organizaĵoj. La landaj asocioj de IFEF povas membriĝi al la landaj asocioj de FISAIC.

La FISAIC-statuto ekzistas en la oficialaj FISAIC-lingvoj (franca kaj germana) kaj en Esperanto. Estus utile traduki ĝin de Esperanto al la naciaj lingvoj kaj prezenti la tradukaĵon al la landa FISAIC-sekcio. - La Esperanto-versio estas havebla ĉe la IFEF-kasisto.

Pr rakontis pri la FISAIC-ĝeneralkunveno en Grindelwald, Svisio, kie Kurt Greutert starigis proponon pri Esperanto kiel provizoran trian laborlingvon, sed post 1982 kiel nuran. En la protokolo de la kunveno la afero ne estas bonorde priskribita, pro kio Greutert poste protestis.

La streboj rilate radioamatorojn devas daŭri. En Francio kaj Hungario certaj progresoj estas mezureblaj, sed cetere nur delikataj komencoj.

Eŭropa Unuiĝo de Fervojistoj (staciestroj) estas forta en Italio, fiaskis en Belgio, kaj nun agas en Germanio. La tiea prezidanto interesiĝas pri Esperanto, kaj ni atente sekvas la evoluon.

- - - -

Paŭzo, dum kiu ordiĝis por Britio la kotizpaga afero, tiel ke ek de nun ĉeestas 19 voĉdonrajtaj k-anoj (+ 2 skribaj voĉdonoj).

10. Kongresproponoj (vidu IF n-ron 1/1980 pĝ 7-8):

Propono 1:
La rumana landa asocio de IFEF neniam pagis mem la kotizon de siaj membroj kaj eĉ malofte reagis. Tial voĉdoniĝis jena propono:
"La komitato decidas, ke la rumana landa asocio estas eksigita el IFEF pro tio ke ili - spite al ĉiuj klopodoj - neniam pagis kotizon."

Propono akceptita per 16 voĉoj por, 5 sindetenaj.

Propono 2:
Huber klarigis, ke la propono devenas de la diskutoj en Turku, kaj ni devas serioze pripensi renovigon de la membraro, ĉar alie nia laboro estos vana.

Pr: la propono neniel povas ligi la landajn asociojn, sed povas esti rekomendo.

Propono akceptita per 18 voĉoj por, 1 kontraŭ, 2 sindetenaj.

(Proponoj 3 + 4 pritraktitaj hieraŭ).

Propono 5:
Pri la "Terminara Kuriero" Gimelli deziras, ke ĝi estu internacia bulteno, do estu sendata al landaj asocioj kaj komitatanoj. - Pr: Ni ne pligrandigu la nombron pro la kostoj kaj pro la jam sufiĉe granda laboro de k-go Hartig.

Propono akceptita per 18 voĉoj por, 2 kontraŭ, 1 sindetena.
(La kompleta teksto kiel korekto al la statuto aperos en venonta IF).

11. Ks estis jam prezentinta la budĝeton al la komitato. Ĝin akceptis ĉiuj ĉeestantaj voĉoj: 19. - La kotizo por la jaro 1981 restos la ĝisnuna, nome 17,00 d kr.

12. La samaj 19 voĉoj akceptis la IFEF-revizorojn: Svend Hvass, Knud Fisker kaj Frede Jensen, kaj vicrevizoron Anders Klausen, ĉiuj el Danio.

13. Pri la laborplano estiĝis certa diskuto, ĉar Scharf (A) atribuis al la estraro vastan respondecon pri la plenumo de la laborplanaj laboroj, eĉ pri tio, kion faru la landaj asocioj. Grave malaltiĝas la procentaĵoj de sub-kvardekuloj en niaj kongresoj, kio estas danĝera evoluo.

Laborplano akceptita per ĉiuj 19 ĉeestantaj voĉoj.

14. Venontaj kongresoj.
14.1. Giessner denove invitas al la 33-a IFEF-kongreso en la sudgermana urbo Regensburg dum la tagoj 15a - 21a majo 1981. (Akceptita hieraŭ).

Gimelli atentigas pri la preteco de la itala senatano Del Nero iri tien, kondiĉe ke aliaj parlamentanoj-Esperantointeresitoj

partoprenos. Pr: La estraro plue prilaboros tion.

14.2 La 34-an IFEF-kongreson en 1982 Gulyas volonte aranĝos en Hungario, supozeble en Balatonfüred apud la Balaton-lago.

14.3 La diskuto pri postaj ebloj montris grandan interesiĝon, tiel ke ŝajne por ankoraŭ konsiderinda vico de jaroj ne malfacilos trovi lokojn por la IFEF-kongresoj.

15. La 22a Internacia Fervojista Esperanto-Skisemajno okazos - laŭ invito de Mirković - en Bohinj (norda Jugoslavio) 7a - 14a de februaro 1981, kie lokeblas minimume 100 personoj. - Pr atentigas, ke pro la spertoj en la pasintaj skisemajnoj ĉ 80 supozeble estu maksimumo, por ke la aranĝo ne perdu la intimecon. Eble oni pripensu limigon al nur IFEF-membroj. Ni akcentu la "IFEF-econ", kaj la aljuĝita IFEF-premio estu la plej valora honorigo. - Mirković promesas, ke la venonta konkuro estos pli severa ol la ĝisnunaj.

Por 1982 Francio jam pripensas.

16. Libera diskutado finis la plenkunsidon, kaj ni ĉerpu:

Ks laŭdis Norvegion, kiu plialtigis sian membronombron de 47 al 75, kaj ankaŭ duobligis sian kontribuon al div fondusoj. -
E Kruse proponis publikigon de la kontribuoj al fondusoj. -
De Sutter disdonis novan adresaron de komitatanoj kaj funkciuloj. -
Scharf proponis, ke IFEF sendu saluton al la 1-a Tutamerika Esperanto-Kongreso. -
Huber alvokas al la unuopaj e-istoj, ke ili sendu salutojn al la radiostacioj emisiantaj en Esperanto.
Pr mencias gravan proponon de Elfriede Kruse pri literatura konkurso. Ĝin la estraro plue traktos kun granda atento. -
Engen atentigas pri la Esperanto-klarigo en la norvega fervoja horaro.

\- - -

Finiĝis la plenkunsidoj, kiuj elvolviĝis en etoso de laboremo kaj harmonio.

Protokolis Henning Olsen

# La 32a IFEF-KONGRESO America 1980

Ekstrakto el la alparolo de la prezidanto de IFEF dum la inaŭgura kunveno

Tre estimataj honoraj gastoj, karaj longjaraj kaj novaj geamikoj.

Gratulon al la honoraj gastoj pro la afablaj vortoj. Granda ĝojo pri tio kaj la belega kantado de s-ino Ramona van Dalsem.
Sed nun mi devas esprimi mian malĝojon pri la fakto ke, spite al kelkfojaj buŝaj kaj skri-

baj petoj, la ĝenerala sekretario de la Fisaic neniun delegis por montri la estimon de la FISAIC por nia internacia kongreso.

La trian fojon ni kongresas en la lando, kie staris la lulilo de nia nuntempa federacio. Dufoje la nederlanda asocio invitis al la grafitoj, de Utrecht, la 5an kaj la 18an kongresojn. Sed ĉi-foje - kaj ankaŭ el tio oni ekkonas, kiel forte ŝanĝiĝis la vizaĝo de nia epoko - ili invitis nin al kongrescentro enmeze de arbaro kar herbejoj, enmeze de la naturo. Estas kvazaŭ eksperimento, ĉar eĉ la iom simila situacio en Swanwick ne estas komparebla.

Io kio ne ŝanĝiĝis, kaj tion oni preskaŭ povas nomi miraklon, estas la fakto, ke du plej gravaj anoj de la nuna LKK jam kunlaboris en samaj du similaj pozicioj en la LKK-oj de la 5a kaj 18a kongresoj, nome la prezidanto Labordus kaj la sekretario van Leeuwen. Nur personoj, kiuj jam mem kunlaboris en la preparado de kongresoj, scias, kion signifas tri tiaj preparperiodoj inkluzive la kongrestagojn mem.

Ankaŭ la edzino de la sekretario, Metje van Leeuwen, jam dufoje en LKK kontribuis al sukcesa kongreso.
Je tiu okazo mi ŝatas memorigi je la kunfondinto kaj longjara sekretario de IFEF, Jan Lok, kiu tutcerte ĝojus, se li povus kunfesti tiun trian kongreson en sia hejmlando.

Kiam oni okupas sin pri la faktoj kaj cirkonstancoj, sub kiuj niaj iamaj kolegoj en la epokoj antaŭ la unua mondmilito kaj inter la du militoj agadis por Esperanto en la fervojista movado, kiam oni legas pri iliaj senĉesaj klopodoj, pri ilia idealismo, tiam mi rajtas aserti, ke spite al la nuntempa neperfekta situacio ni tamen atingis grandan progreson kompare al tiam. La radiko por tiu pozitiva komparo troviĝas en la saĝa decido de la fondintoj de la nuna IFEF, refondi ĝin en formo de sendependa kaj ĉiuflanken neŭtrala fakorganizo. Tio unuflanke ebligis kaj ankoraŭ ebligas al ĉiuspecaj kaj ĉiulandaj fervojistoj, membriĝi en IFEF kaj aliaflanke al neniu ajn alia persono aŭ organizo donas rajton aŭ eblon enmiksiĝi en aferojn de IFEF. Kiam oni scias, ke meze de la dudekaj jaroj malgraŭ ĉiuj klopodoj la nombro de ĉeestantoj en la jaraj internaciaj kunvenoj - kompareblaj al niaj hodiaŭaj kongresoj - ofte atingis eĉ ne 20 personojn, ja ke foje tia kunveno eĉ ne povis okazi, ĉar mankis partoprenantoj, ke ofte ĉeestis nur unu el la estraranoj, kaj ke ĉio tio estis aranĝita en la kadro de Universalaj Kongresoj, ni ne grumblu, se eble ne ĉiam ĉio marŝas glate laŭ niaj deziroj en nia federacio.
Kion mi ĵus diris, tamen estis nura komparo kaj ne donas al ni la rajton ripozi. Kontraŭe, pasis pli ol 90 jaroj, ke vivas la Internacia Lingvo. Ni alproksimiĝas al la 100a jubileo. La internacia lingvoproblemo forte akriĝis, la nombro de internaciaj organizoj konsiderinde plialtiĝis, la ĉiujaraj internaciaj kongresoj estas miloj. La internacia literaturo, precipe la scienca, ne plu estas travidebla. Ĉie progresoj, progresoj, progresoj, kvankam ofte tre dubaj. Precipe koncerne

la lingvan terenon estu permesata la demando pri progreso. Ĉar ĉi-rilate oni devas konstati ne nur ne progreson, sed konsiderindan regreson. Sufiĉas mencii la praktikojn en ĉiuj internaciaj organizoj kiel Unuiĝintaj Nacioj, Eŭropa Komunumo, UNESCO same kiel en nia fervojista medio ekz en tarif- kaj horarkonferencoj aŭ en la FISAIC. La lingva diskriminacio fariĝis pli kaj pli akra kaj estos parto de la kongrestemo en la UK Stockholm.
Por ni nenio nova, oni povus diri. Tamen nia tasko estas kunhelpi laŭ niaj fortoj en la forigo de tia diskriminacio. Kaj tiuj fortoj estas limigitaj. Ni ne estas multaj. Ni ne povas elspezi grandajn sumojn. Ni povas labori nur apudprofesie, okaze de kongresoj aŭ specialaj kunvenoj aŭ koresponde. Ofte ni jam spertis la arogon de aliaj homoj, la indiferentecon, la kompletan nescion kaj facilanimajn juĝojn. Kiel diris la prezidanto de UEA, d-ro Tonkin: "Esperanto estas tiel granda miraklo, ke ĝi estas malfacile kredebla por eksteruloj. Tiu fakte estas iasence por ni obstaklo." Kiu ne jam travivis la surprizon de neesperantistaj gastoj, kiam ili dum niaj kunvenoj mirigite devis konstati, ke la afero fakte funkcias. Kaj jen nia momente plej grava tasko, en ĉiuj landoj plej grava, por ĉiuj funkciuloj, ĉiuj grupoj: komprenigi al kiel eble plej multaj homoj la "miraklon" Esperanto. Altiri ilin al nia lingvo. Necesas adaptiĝi al la nuna tempo, al modernaj metodoj. Tio inkludas ĝuste tion, kion faras dum la lastaj jaroj en ĝojiga maniero nia Terminara Komisiono. Ĝi nun kreas la bazon, kiu necesas, por ke nia faka lingvo senriproĉe kaj en la tuta mondo unuece povu esti aplikata de fervojistoj kaj entute de ĉiu interesulo. La fervore laborantaj kolegoj de la Terminara komisiono meritas apartan dankon. Tio estas nia nepretervidebla kontribuo al la evoluo de la Internacia Lingvo, al la lingva progreso de la fervojistoj kaj de la faka literaturo, oni eĉ povas diri, al la lingva progreso de la mondo. Ne necesas ripeti, ke ĝuste tio donas al IFEF kaj ĝiaj kongresoj la ekzistorajton. La turismo kaj la kulturo en niaj kongresoj estas dolĉaj ornamaĵoj, kiujn ni des pli ĝuas, ĉar nia komuna lingvo donas al ni unikajn eblecojn por tiu ĝuo. Kaj la sennombraj personaj kontaktoj dum la tuta jaro kompletigas la tuton.
Tion mi nur povas substreki. Ni estas enplektitaj en la ĉenon de longegaj vicoj da esperantistoj, kiuj per intensa agado, per praktika uzado de la lingvo, eble nur per aktiva simpatio, sed ĉiukaze rimarkeble por la neesperantista mondo, zorgas por progresoj de la Internacia Lingvo. Se timigas vin la ne tro alta nombro de ni esperantistoj, la manko de mono kaj intereso, se ĉagrenas vin, ke via laboro ŝajne estas vana, ke ne venas la atenditaj rezultoj - kaj al neniu el ni tiaj sentoj estas fremdaj - tiam ni encerbigu eldiraĵon, nome de nia fama germana poeto Goethe, kiu esprimis sin jene: "Pli kaj pli mi eltrovis, ke oni tenu sin kun la minoritato, kiu ĉiam estas pli saĝa".

En la senco de tiu optimisma filozofio mi malfermas la 32-an IFEF-kongreson.

J. Giessner

# Adiaŭo al kaj honora membrigo de la Vic-prezidanto Van Leeuwen kaj de la Sekretariino Kruse

(ekstrakto de la paroloj de la IFEF-Prezidanto)

En tiu kongreso partoprenas du elstaraj membroj, kiuj dum longa tempo laboris por la federacio kaj sur landa kaj sur internacia niveloj. Post tiu aktiva periodo ili hodiaŭ retiriĝas kaj transdonas siajn oficojn al pli junaj kolegoj. Estas la vicprezidanto kaj la sekretariino de IFEF. Venis la horo de adiaŭo post tiu longa tempo. Ne persona adiaŭo, ne, ne, sed la foriro el la komuna laboro. Tiuj du geamikoj dum pli ol kvarona jarcento donis tempon, monon, nervojn, fortojn, sian tutan idealismon, mi deziras diri "sin mem" al nia komuna afero, al nia faka movado, al IFEF.

Permesu kelkajn vortojn, eĉ se mi ion ripetas, pri la esperantista vivo de tiuj longjaraj kunlaborantoj
Willem Lambertus van Leeuwen, tion mi jam diris en la inaŭguro, trifoje dum la ekzistado de IFEF zorgis, ke centoj da kolegoj povis veni al kongresoj kaj ĝui tiujn bonege organizitajn manifestaciojn. Dum sia nun proksimuma 34jara oficiala esperantisteco li servis preskaŭ



30 jarojn al sia landa asocio kiel dua resp unua sekretario, gvidis kursojn, redaktis dum 10 jaroj la landan organon, ĉiujare verkis interesajn vojaĝpriskribojn, de 25 jaroj kunlaboras en la Terminara Komisiono kaj antaŭ 8 jaroj kronis sian agadon per transpreno de la respondoplena ofico de vicprezidanto. Ke ankaŭ ekstere de nia rondo oni ekkonis kaj rekonis la agadon de Wim van Leeuwen, tio montriĝis en 1978, kiam li ricevis la ordenon "Ridder in de Orde van Oranje Nassau". Kaj multaj el vi ĉeestis pasintjare, kiam la Internacia Federacio de kulturflegantaj Fervojistoj, FISAIC, dekoraciis lin per sia plej alta distingaĵo, la Ora Medalo.

La sekretariino, Elfriede Kruse, kiel ankoraŭ freŝbakita esperantistino en 1956 kuraĝe saltis en la akvon kaj akceptis la oficon de GEFA-sekretariino. Kun vera akurateco ŝi plenumis tiun taskon dum preskaŭ 20 jaroj kaj ankoraŭ nun kunhelpas en la administrado de financoj kaj zorgas por la germanaj emerituloj. En la 19a IFEF-kongreso ŝi laboris kiel LKK-sekretariino kaj faros la saman en la LKK de la venonta 33a. Dufoje ŝi aktiviĝis en tutsemajna teamo de la Germana Federacia Fervojo en la UK-oj Mainz kaj Hamburg. Ŝi organizis du Internaciajn Skisemajnojn kaj kunorganizis ĉiujn germanajn jarkunvenojn ĝis 1975. La evoluo de la germana landa asocio en tiuj 20 jaroj, kiel ĝi fakte ok-



azis, ne estus imagebla sen ŝia agado. Kiam en 1968 la IFEF-estraro komplete internaciiĝis, Elfriede Kruse aldone al ĉiuj siaj Esperanto-, profesiaj kaj dommastrinaj taskoj transprenis la sekretarian oficon de IFEF. Ĝin ŝi same fidinde plenumis kiel ĉion alian. Unu el ŝiaj por IFEF plej signifaj sukcesoj estis la ekzisto de nia japana landa asocio. En sennombraj naciaj kaj internaciaj aranĝoj ŝi reprezentis la IFEF-estraron. Ankaŭ ŝi ricevis - en la kongreso de Villach - la Oran Medalon de la FISAIC.

Simple ne eblas, dum tiuj malmultaj minutoj mencii ĉion, kion la du geamikoj faris dum longaj vivojaroj por ni ĉiuj, vere, simple ne eblas. Kaj ili bonvolu pardoni, ke kun certeco tiuj vortoj prisilentis multajn gravajn farojn. Restas nenio alia - mi ripetas - ol diri: "Dankon pro ĉio!" - -
Kiel memoraĵon je tiu horo mi nun transdonas al ambaŭ modestan donacaĵon.

Kaj kiel plej altan rekonon, kiun IFEF povas esprimi, laŭ unuanima konfirmo de la komitato, mi nomumas la ĝisnunajn vicprezidanton kaj sekretariinon de IFEF Honoraj Membroj de IFEF.

--------

La vivo marŝas. La du novaj estraranoj troviĝas en nia mezo. Ni bonvenigas ilin, Per Engen kaj Henning Olsen, en nia rondo. Mi ne dubas, ke tiuj du malnovaj amikoj, kiuj de longa tempo estas funkciuloj en siaj landaj asocioj, kaj kiuj jam sufiĉe ofte kundecidis en problemoj de la federacio, same amike kaj konstrue kunlaboros en nia eta rondo kiel siaj antaŭuloj. Ankaŭ al ili mi dankas, nome pro tio, ke ili bonvolis transpreni tiujn du oficojn. Bonvenon kaj bonsenton do en via estonta laboro.

J. Giessner

---

# Ekstrakto de la adiaŭo

de la sekretariino Elfriede Kruse

Karaj Geamikoj,

Kiam mi antaŭ 27 jaroj konatiĝis kun Esperanto, mi absolute ne havis imagon pri la vojo, kiu kuŝis antaŭ mi.
Mia unua kongreso estis 1955 en Zürich, kaj ĝi fariĝis por mi decida. Tie mi jam gajnis miajn alilandajn geamikojn, el kiuj kelkaj troviĝas ankaŭ hodiaŭ inter ni. Jam en Stockholm 1956 oni persvadis min fariĝi sekretariino de GEFA. Tiun-ĉi postenon mi plenumis dum 14 jaroj.

Kiam en Varna 1968, la komitato elektis min kiel sekretariinon de IFEF, tio ne ŝanĝiĝis - eĉ male. Ĉiujn miajn devojn

mi volonte prizorgis.
Nekalkuleblaj demandoj el rondoj de membroj aŭ interesuloj estis respondendaj, ĉu skribe, telefone aŭ buŝe. 4743 leteroj forlasis dum tiu tempo la sekretariejon. Ofte oni postulis diplomatian talenton aŭ apelaciis al mi diskreteco. Kelkaj aferoj ankaŭ bremsis mian entuziasmon.
Tamen, mi havas tiurilate bonan konsciencon, ĉar neniun mi konas, kiu ne poste konfesis, ke pere de sia okupado, li mem riĉigis sian vivon.
Tiajn avantaĝojn nur liveras nia komuna lingvo Esperanto. Mi povas konfesi, ke Esperanto donis al mia vivo tute alian direkton.
Mi dankas al vi ĉiuj por la simpatio kaj fido, kiun vi pruvis al mi, kaj mi petas pardonon por homaj malperfektaĵoj kaj faritaj eraroj. Foje, simple mankis al mi pacienco.
Mi dankas al la komitatanoj kaj komisiitoj kun kiuj mi interŝanĝis ideojn, opiniojn kaj spertojn. Sen ilia praktika laboro, IFEF ne estus pensebla. Specialan dankon mi direktas al miaj kunestraranoj (nunaj kaj antaŭaj). Sen ilia subteno ne estus estinta eble elteni la ŝarĝon tiom longe. Ne ĉiam ni estis samopiniaj; tio ankaŭ ne eblas, ĉar ni estas homoj. Sed regis inter ni amika etoso kaj la nepra volo agi pozitive kaj laŭeble plej efike por la prospero de IFEF.
12 jaroj en la IFEF-estraro .... ili rapide flugis kaj ne estas forigeblaj. Multaj personoj insiste petis min ankoraŭ daŭrigi mian laboron dum certa tempo.
Karaj amikoj, mi opinias, ke nun estas tempo meti la torĉon en pli junajn manojn. Mi transdonas mian taskon al la nova sekretario Henning Olsen. Ke mi subtenas lin, ne menciindas, ĉar estas memkompreneble, kaj mi petas vin ĉiujn subteni lin ankaŭ. Plifaciligu al li la laboron, informu lin detale, provizu lin per novaĵoj de via landa asocio kaj ne forgesu, ke ankaŭ li kapablas disponigi sian liberan tempon, energion kaj forton al tiu-ĉi komplika okupado, nur se vi rekompensos lin per via fido kaj daŭra amikeca subtenado. La bonvolon kaj la kapablecon li kunportas.

Oni multe plendas, ke mankas junuloj, ke oni ne sufiĉe faras por allogi ilin. Jes, la kritikantoj pravas. Mankas freŝaj, belaj vizaĝoj, mankas ridetantaj, kantantaj dancemuloj. Sed mankas novaj ideoj, ilia iniciativo, mankas ilia kunlaboro. Sed, nur kritiko kondukas al nenio.
Pro tio mi memorigas vin, ke ekzistas en IFEF "junulara fonduso". Ĝi liveras la antaŭkondiĉojn ion fari. Subtenu ĝin malavare per mondonacoj kaj kreu bazon por instigi bonvolemajn gejunulojn al kunlaboro.
Antaŭ IFEF kuŝas granda faka laboro. Necesas koncentrigi ĉiujn fortojn.

Kaj nun mi adiaŭas kaj malaperas de la scenejo, sed mi restas inter vi.

Ankoraŭfoje dankon al vi ĉiuj.

E. Kruse



Resumo kaj komentario pri la jarraportoj de la landaj asocioj de

# INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO
PRI LA JARO 1979

Je la 15a de marto 1980 ĉiam mankis la jarraportoj de la landaj asocioj: Hungario, Japanio, Jugoslavio, Norvegio, Pollando, Svedio kaj Svislando. Poste mi ankoraŭ ricevis tiujn de Jugoslavio kaj Svedio.
Pro la reveno de Bulgario kaj Pollando la nombro de la landaj asocioj estas 19 (sen Rumanio).
Nun sekvas la resumo pri entute 14 landaj asocioj.

21. Landaj estraroj, funkciuloj kaj membraro.
La nomoj kaj adresoj de la funkciuloj aperos en aparta listo. La entuta nombro de la aliĝintaj asocioj estas kelkaj centoj pli alta ol la membronombro de IFEF. La kaŭzo estas, ke diversaj l.a. havas t.n. subtenantajn membrojn, por kiuj ili ne kotizas al IFEF.
En orienteŭropaj landoj estas la pagipovebleco, kiu limigas la nombron de IFEF-anoj.
La plej grandaj diferencoj ekzistas en Aŭstrio, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Francio, Hispanio kaj Jugoslavio.

22. Eldono de ia landa organo.
Ĉiumonata (11 x) propra gazeto aperas en Danlando, Francio kaj Nederlando; 4 ĝis 6-foje aperas la propra bulteno en Aŭstrio, Belgio, Ĉeĥoslovakio, F.R.Germanio, Italio kaj Jugoslavio.
La aliaj landaj asocioj ne posedas propran gazeton; ili kunuzas ian ĝeneralan bultenon aŭ eldonas senecese apartan informilon.

23. Rilatoj kun instancoj kaj aŭtoritatoj.
23.1. La rilatoj rekte kun la fervojaj instancoj ekzistas en Bulgario, Hispanio, Jugoslavio kaj Nederlando; en la aliaj landoj nur pere de la FISAIC-sekcio aŭ nur malofte.

23.2. Al la sindikatoj ekzistas rektaj rilatoj sufiĉe bonaj en Bulgario, Danlando, Jugoslavio, Finnlando, FR Germanio kaj Italio.

23.3. La rilatoj kun la landaj FISAIC-organizaĵoj restas bonaj aŭ bonegaj en: Aŭstrio, Belgio, Danlando, Finnlando, Francio, Svedio, FR Germanio, Italio kaj Nederlando.
Ofte funkciuloj en niaj landaj asocioj plenumas taskojn ankaŭ en la landa FISAIC-sekcio.
Bedaŭrinde estas la malnova evoluo en Hispanio, en kiu lando la kunlaboro komence estis bona, sed nuntempe iu konflikto ekestis pri la agnosko de nia landa asocio kiel membroasocion de la landa FISAIC-sekcio.

23.4. Rektaj rilatoj al aliaj fervojistaj organizaĵoj ne estas oftaj. Menciis ilin la landaj asocioj en Danlando, Francio, FR Germanio, Italio kaj Svedio.

23.5. La rilatojn al ne-fervojistaj organizaĵoj prijuĝas pozitivaj: Britio, Ĉeĥoslovakio, Danlando, Francio, Hispanio, Italio, Nederlando, Jugoslavio kaj Svedio.

24. Kunlaboro/rilatoj kun aliaj Esperanto-organizaĵoj.

24.1. En ĉiuj landoj, escepte en Hispanio kaj Nederlando, ekzistas bonaj aŭ bonegaj rilatoj kun la landaj asocioj de UEA. Ofte la jarkunvenoj aŭ aliaj kunvenoj estas organizataj kune.

24.2. Bonaj rilatoj kun la landaj SAT-grupoj ekzistas en Britio, Danlando, Francio kaj Nederlando.

24.3. Kunlaboron kun aliaj organizaĵoj mencias: Aŭstrio, Belgio, Britio, Danlando, Francio, Hispanio, Nederlando kaj Jugoslavio.

25. Informado en plej vasta senco.

25.2.0. Publikigo de gazetartikoloj.

Pro bone organizita tondaĵkolekto Danlando ege pozitive respondas, ke aperis 96 artikoloj en 27 gazetoj! La aliaj landoj ne estas tiel certaj pri la nombro, sed pozitivaj ili estas. Nur Finnlando, Svedio kaj Hispanio tute negative respondas.

25.2.01. Aplikado de la gazetara servo.

Estas 9 landoj, kiuj utiligis la gazetaran servon kaj 5, kiuj respondis negative.

25.2.02. Rimarkoj pri la gazetara servo.

Francio pozitive laŭdas la gazetaran servon; la aliaj ne havas rimarkojn.

25.2.1. Publikigo de la faka prelego.

En multaj landoj la fakprelego aŭ minimume la resumo aperis aŭ estis menciita. IFEF-estraro sendis la tekston al diversaj instancoj i.a. la librejo de la Oxford-universitato.

25.2.1.1. Aliaj fakprelegoj.

Aliaj fakprelegoj okazis en Ĉeĥoslovakio, Danlando, FR Germanio kaj Jugoslavio.

25.2.2. Agadraporto al fervojaj instancoj/rilatoj.

Tute ne raportas Bulgario, Svedio, Finnlando kaj Hispanio. La aliaj landaj asocioj raportas iel rekte aŭ pere de la FISAIC-sekcio al la fervoja administracio kaj/aŭ al la sindikato.

25.2.3. Informado de la deĵorejoj.

Fakte tio nur okazas pere de la bultenoj aŭ (Francio) faka revuo. Alimaniere nur en kelkaj stacidomoj, kie ekzistas bonaj rilatoj. Neniu lando mencias la uzadon de afiŝoj!

25.2.4. Agado pere de radio aŭ televido.

Pozitive pri radioinformoj reagis: Jugoslavio, Aŭstrio, Danlando kaj FR Germanio.
La IFEF-sekretariino kunlaboris en radiointervjuo por norvega radiostacio.

25.3. Ekspozicioj.

En la kadro de Esperanto aŭ FISAIC-aranĝoj organizis ekspoziciojn: Danlando, Jugoslavio, Finnlando, Francio, FR Germanio, Svedio, Hispanio, Italio kaj Nederlando.

25.4. Distribuado de varbiloj.

Grandskale distribuis flugfoliojn diversformatajn: Francio, FR Germanio kaj Italio. Iomete pli modeste faris tion: Ĉeĥoslovakio, Danlando, Finnlando, Hispanio, Nederlando, Jugoslavio kaj Svedio.

25.5. Jarkunvenoj.
El la raportintaj landoj estas 11, kiuj raportas pri la jarkunveno. Plejofte oni kunvenas kune kun aliaj organizaĵoj. La landaj asocioj en Belgio kaj Nederlando komune organizis la jarkunvenon. Eksterlandaj gastoj partoprenis en ĉiuj kunvenoj! Grandaj jarkunvenoj kun internacia karaktero okazis en Francio kaj Germanio kun respektive 130 kaj 202 partoprenintoj. En la kadro de la jarkunvenoj okazis ekskursoj kaj/aŭ prelegoj.

26. Junularo.
Pri junular-aktivecoj Aŭstrio mencias, ke okazas kurso en Linz; Jugoslavio, ke la aktiveco ne estas kontentiga. Ege magra!

27. Varbado.
Fakte novaj aspektoj ne montriĝis. Pri la sukceso de ekspozicioj, informiloj kaj kursoj informas: Danlando, Francio, Germanio kaj Italio. En Bulgario, post la restarigo de IFEF-sekcio, varbkampanjo komenciĝis.

28. Terminara laboro.
En la terminara laboro kunlaboras el la raportintaj landoj: Belgio, Britio, Ĉeĥoslovakio, Finnlando, Francio, FR Germanio, Hispanio, Italio, Nederlando, Jugoslavio kaj Svedio. Okazis interkongresa kunveno en Bremen, en kiu partoprenis 6 landoj. Regule aperis la "Terminara Kuriero", kiu estas raportinta aparte pri la terminara laboro en ĉiu opa lando.

101. Diversaĵoj.
El la diversaj rimarkoj ni ĉi tie notas:

Aŭstrio: organizis la skisemajnon en Maria Alm (85 partoprenantoj el 7 landoj).

Belgio: organizis kun la franca asocio la printempan kunvenon en Charleville-Méziéres (Francio); partoprenado en diversaj internaciaj eventoj.

Ĉeĥoslovakio: la Esperanto-klarigoj aperis en la horarlibro.

Italio: estis aktiva en reorganizado de la parlamenta grupo "Amikoj de Esperanto".

Jugoslavio: festos en 1980 la 25an jubileon. La skisemajno 1981 okazos en Bohinj.

Nederlando: aktive propagandis la 32an IFEF-kongreson i.a. pere de kelkaj serioj da diapozitivoj, montritaj en kunvenoj en Francio, Germanio, Danlando kaj Nederlando.

Mi finas la resumadon el 14 jarraportoj kaj denove elparolas la esperon, ke estonteca pli da landoj ensendos sian raporton.

La raportintojn mi dankas pro la farita laboro.

Amsterdam, aprilo 1980

la kompilinto

W.L. van Leeuwen

## Raporto de Terminara Komisiono

Lundon antaŭtagmeze, la 19an de majo, de la 8.30 ĝis la 11.45 okazis la kunsido de Terminara Komisiono. Partoprenis ĝin 9 terminaraj kunlaborantoj el 8 landoj.
Dum la raporta periodo la tuta komisiono okupiĝis nur pri sia ĉefa tasko: traduki la terminojn laŭ la TRADUKPROGRAMO.
Restis ankoraŭ 3 literoj por kiuj la respondecaj terminaraj kunlaborantoj ne liveris ankoraŭ siajn tradukproponojn, sed promesis ĝis la fino de ĉi-tiu jaro.
Intertempe aperis la t.n. Reduktita Tradukprogramo, surbaze de kiu la tuta Komisiono klopodas:
- kompletigi la tradukendan stokon el la tria eldono de Fervoja Terminaro, kaj
- fini la traduklaboron ĝis la jaro 1983.

Grava okazaĵo estis la aranĝo de interkongresa renkontiĝo en Győr (Hungario) fine de aprilo 1980. Tie oni sukcesis fintrakti la dubajn terminojn, kiujn prilaboras la gastiganta lando.

La Terminara Kuriero (Te Ku) fariĝis grava interligilo kaj komunikilo inter la terminaraj kunlaborantoj.
La kunlaboro inter la Terminara kaj Fakprelega komisionoj estis ankaŭ ĉi-foje bona. Tri terminaraj kunlaborantoj: Sekereš el Jugoslavio, Ritterspach kaj Brandenburg el Germanio, reviziis la ĉi-jaran fakan prelegon.
Krom la menciita kunsido okazis ankoraŭ tri kunsidoj de Terminara Komisiono. Fine de la lasta kunsido oni nombris 29 fintraktitajn dubajn terminojn.

Ing. L. Sekereš

- - - - - - - - -

## Raporto de la aktiveco de F.K.S. dum la jaro 1979

La Koresponda Servo ricevis 37 korespondantpetojn, el kiuj 13 el Francio.
Tamen la nombro de korespondantoj malkreskis.
Al ĉiu petanto oni sendas almenaŭ 4 adresojn; al la prezidanto aŭ gvidanto de klubo oni sendis 12 adresojn.
Ŝajnas ke la adresoj iras en diversaj manoj, kaj pro tio la nombro de petantoj iĝis pli malgranda.

Demissy

---

22-a INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO SKISEMAJNO 1981

de la 7a gis la 14a de februaro 1981 en Bohinj (lago de Bohinj) - Slovenio - Jugoslavio.

Adreso: Fervojista Esperanto Societo,
Vrazova 60, YU-62000 Maribor.

Ĉiuj aliaj informoj en la venontaj bultenoj.

# NEKROLOGOJ

En ITALIO ni bedaŭrinde perdis fidelan membron:

Aristo DEGLI, Esposti ĉe Porretta Terme.

Ni kondolencas al la familio, kaj ni gardos bonan memoron al la itala amiko.

IFEF

NORVEGIO

Erling Audun RYGGE,

vicprezidanto kaj kunfondinto de NEFA forpasis pro koratako la 20an de marto 1980.

Ni kondolencas al la familio kaj al niaj norvegaj kolegoj.

IFEF

# ESPERANTO-VIVO

36a INTERNACIA JUNULARA KONGRESO

25a de julio - 1-a de aŭgusto 1980 en Rauma, Finnlando.

Kongresa adreso: 36a IJK, Anundilankatu 3, SF-26100 Rauma 10.

## Anonceto

Al la redaktoroj de IFEF-sekcioj.

Pro la abonado de "Norvega Esperantisto" bonvolu sendi al mi informon, se vi ŝanĝos aŭ ŝanĝis adreson, kaj se elektiĝis aŭ elektiĝos nova redaktoro.

Mi dezirus havi la informon antaŭ la ekspedado de n-ro 3 de la gazeto (kaj kompreneble ankaŭ poste, se estos aktuale).

Se pro la menciitaj kaŭzoj necesos, mi provos postsendi n-ron 1 aŭ/kaj n-ron 2 por 1980 al vi.

Odd Kolbrek, Kaldbakkstubben 22, N-Oslo 9, Norvegio.

# NOTO DE LA REDAKTORO

Pro manko da spaco en tiu-ĉi bulteno, vi trovos en la sekvonta IF (n-ro 4) la jenajn raportojn:

- raporto pri Historio Komisiono
- raporto pri Fakprelega Komisiono
- resumo de Fakprelego
- redaktora raporto pri la kongreso.

la rd.




33a IFEF-KONGRESO en Regensburg (FRG) - 15-21a/5/81

Por la 33a IFEF-Kongreso en Regensburg de la 15a ĝis la 21a de majo 1981 GEFA eldonis belajn, kolorajn glumarkojn. Unu folio kun 9 glumarkoj kostas 1,- germanan markon.
Vi povas mendi la glumarkojn ĉe
Johann Müller, Zweigstrasse 2, D-8620 Lichtenfels

Bonvolu antaŭe ĝiri la monon por la glumarkoj al la poŝtĉekkonto 240 001-855 Nurnberg de la kasisto Wilhelm Grass, Sachsenstrasse 7, D-8620 Lichtenfels. Krome vi povas ricevi ĉe kolego Müller aliĝilojn por la kongreso.

BULGARIO

Dum julio (12.-14.) en urbo Plovdiv okazos la 40a jubilea kongreso de BEA. Ĝis nun aliĝis ĉirkaŭ 1500 esperantistoj. Samtempe la bulgara fervojista sekcio, kiu je la fino de la pasinta jaro, renovigis sian ekziston kaj agadon, organizos sian jarkunvenon. La esperantistoj el ĉiuj landoj estas invitataj.

En Sofio.

La 17an de marto la fervojista esperanta sekcio "Prospero" aranĝis solenan kunveno-vesperon okaze de la Internacia Virina Tago.

La Bulgara Fervojisto.

La estraro de bulgara esp. fervojista sekcio decidis eldoni bultenon aŭ revuon, kiu certe havos la nomon "Bulgara Fervojisto". Gekolegoj el ĉiuj landoj: skribu al ni pri via vivo. Donu anoncojn. Ni estos vere dankemaj al la estraroj de la fervojistaj sekcioj, se ili sendus al ni regule po 1 aŭ 2 ekzemplerojn de siaj bultenoj. Ni reciproke sendos la nian. Antaŭan dankon pro la kunlaboro.

Sekr. Lili Koleva

## Gravaj enhavaĵoj

Post la IFEF-Kongreso en "Het Meerdal".



La redaktofino por la venonta IF estas 25.07.80.

 Preso: Esperanto-Centro Aarhus, Dk-8000 Århus C